sed ankaŭ multan idealismon. Ne sciante la anglan lingvon mi pasigis en tiu bela lando kvar monatojn, plenajn de plej agrablaj travivaĵoj. La precipan plezuron mi havis vizitante multajn popollernejojn, kie Esp. estas oficiale instruata. Post unu-jara lernado la bravaj geknaboj tre vigle kaj flue parolas Esp. Sekve de la iniciato de la Trade Union kongreso 1925 en Scarborough oni organizas la instruadon de Esp. en la laboristaj sindikatoj.

En Danlando mi vizitis la urbojn Kopenhago, Aarhus, Odensee, Grenaa, Helsingör, kaj ĉie mi konstatis la prosperon kaj disvastiĝon de Esp., dank' al la senlaca agado de sindonaj pioniroj, komprenantaj, ke lando malgranda, kun lingvo izolita, bezonas Esp. por liberigi sin de la balasto lerni multajn lingvojn, kio nun okazas. Tial mi observis viglan intereson pri Esp., precipe ĉe la junularo.

Resumante la impresojn mi rajtas diri, ke la homaro estas jam sur la ĝusta vojo por likvidi la malbenon de Babelo, enkondukante racian organizon ankaŭ sur la lingva kampo..

zueigen haben. Obwohl ich die englische Sprache nicht verstand, verbrachte ich doch in diesem schönen Lande vier Monate voll angenehmer Erlebnisse. Das vornehmlichste Vergnügen hatte ich beim Besuche vieler Volksschulen, in denen Esperanto amtlich unterrichtet wird. Nach einjährigem Lernen sprechen die braven Knaben und Mädchen Esperanto sehr lebhaft und fließend. Als Folge der Anregung des Trade Union-Kongresses 1925 in Scarborough richtet man den Unterricht für Esperanto in den Arbeiter-Gewerkschaften ein.

In Dänemark besuchte ich die Städte Kopenhagen, Aarhus, Odensee, Grenaa, Helsingör und überall stellte ich das Blühen und die Verbreitung des Esperanto fest dank der unermüdlichen Tätigkeit hingebungsvoller Bahnbrecher, die es begreifen, daß ein kleines Land mit gesonderter Sprache Esperanto benötigt, um sich von der Belastung zu befreien, viele fremde Sprachen zu lernen, was jetzt geschieht. Daher bemerkte ich lebhafte Anteilnahme für Esperanto, besonders bei der Jugend.

Meine Eindrücke zusammenfassend bin ich berechtigt zu sagen, daß die Menschheit schon auf dem richtigen Wege ist, um dem Fluch von Babel ein Ende zu bereiten, indem sie eine vernunftgemäße Neuordnung auf sprachlichem Gebiete ins Werk setzt.

**Georges Delanoue,** bankdirektoro, Paris.

Laŭ iniciato de s-ro Despeyroux en Lyon estis fondata Universitata Federacio por Esp. sub honora prezido de prof. Cart., prezidanto de l'Esperantista Akademio.

En la komercaj rondoj la asocio „Esp. et Commerce“ baldaŭ plenumos sian programon pere de skribaj kursoj por enkonduki la uzadon de Esp. ĉe firmoj, kies gvidantoj komprenas la utilecon de ĝi. Dank' al la sindonema kunlaborado de s-ro André Baudet, la vicprez. de la Komerca Ĉambro de Paris, la „devenatestoj“ eldonataj de la Komerca Ĉambro de Paris, estas skribataj franc- kaj esp.-lingve.

La Foiro de Paris ĵus eldonis luksan esp.-lingvan propagandilon. Same agas la Foiro de Lyon.

La aviadistoj nuntempe partoprenas kurson pri Esp., gvidatan de prof. Cart; dank' al ĉiama agemeco de s-roj Farman,

Über Anregung des H. Despeyroux in Lyon wurde ein Universitäten-Verband für Esp. unter dem Ehrenvorsitze Prof. Carts, Vorsitzenden der Esperanto-Akademie, gegründet.

In den kaufmännischen Kreisen wird die Gesellschaft „Esp. und der Handel“ bald ihre Aufgabe ausgeführt haben, bestehend in schriftlichen Kursen behufs Einführung des Esp.-Gebrauches in Geschäftshäusern, deren Leiter für seine Nützlichkeit Verständnis haben. Dank der hingebungsvollen Mitarbeit des Vorsitzenden-Stellvertreters der Handelskammer in Paris, H. André Baudet, werden die „Ursprungszeugnisse“ in Französisch und Esperanto ausgefertigt.

Die Messe von Paris hat soeben eine prächtig ausgestattete Werbeschrift in Esp. herausgegeben. Dasselbe tut die Messe von Lyon.

Die Luftschiffer nehmen jetzt an einem Esp.-Kurse teil, der von Prof. Cart geleitet wird; dank der ständigen Regsamkeit der in der ganzen Welt

tutmonde konataj aviadistoj, tiu grava progreso rezultas el la ĵusa starigo de Esp.-sekcio de Ligo Intern. de la Aviadistoj, okaze de kiu s-ro Archdeacon, prezid. de la Franca Societo por propagando de Esp., sukcese parolis.

Ĉiusemajne la Supera Lernejo de P.T.T. disaŭdigas kurson pri Esp.; ĝin faras prof. Cart kaj d-ro Corret. Radio-Paris de la Compagnie francaise de Radiophonie ĉiusemajne sendas informojn per Esp.; kutime parolas s-ro Delanoue, ĉefdeleg. de U. E. A., Paris. Aliparte Radio-Lyon, kiu jam de du jaroj kunlaboras propagandante Esp., ne nur disaŭdigas kurson ĉiumarde, sed ĵus alprenis novan decidon: Ĉiuvendrede estos disaŭdigata en la „parolata gazeto" esp.-a kroniko. Ambaŭserve dejoras nia fervora prof. Pouchet. Ĵus estis fondata en Paris „Radio-Club Esperantiste de France".

bekannten Luftschiffer Brüder Farman ergibt sich dieser Erfolg bedeutende Fortschritt aus der eben stattgefundenen Errichtung einer Esp.-Abteilung des „Zwischenvölkischen Luftschifferverbandes", bei welchem Anlasse der Vorsitzende der „Franz. Gesellschaft zur Werbearbeit für Esp.", H. Archdeacon erfolgreich sprach.

Allwöchentlich sendet die „Höhere Schule der Post-, Telegraphen- u. Telephonangestellten" einen Esp.-Kurs; ihn halten Prof. Cart u. Dr. Corret. Radio-Paris der franz. Gesellschaft für Radiophonie sendet allwöchentlich mittels Esperanto Nachrichten; gewöhnlich spricht der Hauptbeauftragte der U. E. A.-Paris, H. Delanoue. Andererseits sendet Radio-Lyon, welches schon seit 2 Jahren bei der Esp.-Werbung mitarbeitet, nicht nur jeden Dienstag einen Kurs, sondern hat soeben einen neuen Entschluß gefaßt: Jeden Freitag wird in der „gesprochenen Zeitung" eine Esp.-Chronik gegeben. Beide Dienste versieht unser eifriger Professor Pouchet. Soeben wurde in Paris der „Esp.-Radio-Klub in Frankreich" gegründet.

**Ivo Rotkoviĉ-Zagreb** (S.H.S.), sekret. de la Sudslava Esp.-Ligo kaj redaktoro de „Konkordo".

Oni povas diri, ke por la „okcidentaj popoloj" de Eŭropo unu internacia lingvo, komprenata tra la tuta mondo, estas iuspeca luksaĵo, bezonebla ĉefe por tiuj, kiuj turistas de unu lando al la alia aŭ partoprenas la diversajn ĉiutagajn kunvenojn internaciajn, aŭ deziras pli forte aŭdigi sian voĉon en la tutmonda koncerto.

Sed rilate al ni orientsuduloj la afero estas multe pli grava. La teritorioj de la diversaj lingvoj ĉe ni estas ne tro ampleksaj, sed multaj; efektive ĝi estas „La tragedio de Babelo". Krom tio la okcidento, al kiu ni estas nedisŝireble alforĝitaj en la kultura, ekonomia kaj politika vivo, tute ignoras niajn lingvojn. Tial ĝenerala alpreno de sole unu internacia lingvo estas nepra kondiĉo por nia normala vivo kaj la internacia kunvivo. La afero estas multe pli komplika — kvankam la solvo tre simpla — ol oni supozus. Niajn teritoriojn la grandpotencoj konsideras kiel siajn „interesajn sferojn" kaj, se ni akceptus unu el iliaj lingvoj, ĉar nur tiuj havas ŝancojn por tio,

Man könnte sagen, daß für die „östlichen Völker" Europas eine zwischenvölkische Sprache, die über die ganze Welt hin verstanden wird, eine Art Luxusangelegenheit ist, hauptsächlich für jene nötig, die der Wanderstab von Land zu Land führt oder die an verschiedenen täglichen, zwischenvölkischen Zusammenkünften teilnehmen oder ihre Stimme im Weltkonzert lauter vernehmen lassen wollen.

Aber mit Bezug auf uns im südlichen Osten ist die Angelegenheit eine viel gewichtigere. Die verschiedenen Sprachgebiete sind bei uns nicht allzu umfangreich, aber reich an Zahl; es ist tatsächlich „das Trauerspiel von Babel". Außerdem übersieht der Westen, an den wir im kulturellen, wirtschaftlichen und politischen Leben unzerreißbar geschmiedet sind, vollständig unsere Sprachen. Deshalb ist die allgemeine Annahme von bloß einer zwischenvölkischen Sprache eine unbedingte Notwendigkeit für unser regelrechtes Leben und das zwischenvölkische Zusammenleben. Die Sache ist viel verwickelter — obwohl die Lösung sehr einfach — als man annehmen würde. Die Großmächte betrachten unser Gebiet als ihre „Interessensphäre" und, wenn wir eine von ihren Sprachen annehmen wollten, denn nur diese haben Aussicht hiefür, würden wir gleich-

ni estiĝus samtempe la „interesa sfero“ de tiu grandpotenco, kies lingvon ni uzus kiel la internacian. La historio instruas, ke kun la fremdaj lingvoj nepre enpenetras tre multaj elementoj de la fremda kulturo, sed eĉ multe pli la politikaj influoj. Tio estas unu el ĉefaj kaŭzoj, kial en Mezeŭropo kaj sur la balkana duoninsulo lastatempe komencĝis tiom rimarkinde disvastiĝadi la plene neŭtrala Esperanto, kiun eksubtenis ankaŭ la ŝtataj aŭtoritatuloj. Ekzemple en Jugoslavio oni Esp. oficiale instruas en la universitato kaj komercaj lernejoj kaj baldaŭ ĝi estos instruata en ĉiuj duagradaj lernejoj.

zeitig „Interessensphäre“ jener Großmacht, deren Sprache wir als zwischenvölkische gebrauchen würden. Die Geschichte lehrt, daß mit fremden Sprachen unbedingt sehr viele Einzelheiten der fremden Kultur, aber noch viel mehr die politischen Einflüsse eindringen. Das ist einer der Hauptgründe, weshalb in Mitteleuropa und auf der Balkanhalbinsel in letzter Zeit so außerordentlich bemerkenswert das völlig neutrale Esperanto sich ausbreitet, das auch angesehene Staatsmänner zu unterstützen beginnen. Beispielsweise unterrichtet man Esp. in Jugoslavien offiziell an der Universität und an Handelsschulen und bald wird es auch in sämtlichen Mittelschulen unterrichtet werden.

Sed ankaŭ la organizajoj, kiuj laboras sur la internacia kampo, pli kaj pli komencis uzi Esp.-on kiel sian oficialan lingvon por korespondo kun la eksterlando.

Aber auch die Körperschaften, welche auf internationalem Gebiete arbeiten, haben angefangen, Esp. als ihre Amtssprache für den Briefwechsel mit dem Auslande zu benützen.

La Radio-stacio de Zagreb ne nur favoras ĝin, sed ankaŭ donas lecionojn pri ĝi.

Die Radiostation Zagreb begünstigt es nicht nur, sondern erteilt auch Unterricht.

La ministrejo de la fervojoj komencis uzi Esp.-on kiel duan lingvon por la surskriboj en la internaciaj jugoslavaj vagonoj. Do, kiel videble, Esp. havas treege bonajn ŝancojn en nia lando.

Das Eisenbahnministerium hat Esp. als zweite Sprache für die Aufschriften in den jugoslavischen Durchgangswagen zu verwenden begonnen. Wie ersichtlich, hat Esp. also auch weiterhin in unserem Lande außerordentlich günstige Aussichten.

**Franz Schoofs-Antwerpen,** sekretario-kasisto de Konstanta Reprezentantaro de la Nacioj, direktoro de „Belga Esperantisto“.

El Belgujo ni povas raporti, ke la klopodoj de nia nacia „Belga Ligo Esp.-ista“ por restarigi nian movadon en la postmilita periodo ne nur sukcesis, sed kondukis ĝin al stato pli prospera kaj sur bazo pli fortika ol antaŭe.

Aus Belgien können wir berichten, daß die Bemühungen unseres völkischen belgischen Esp.-Bundes dahin gehend, die Bewegung in der Nachkriegszeit wieder aufzurichten, nicht nur Erfolg hatten, sondern sie zu einem blühenderem Stande und auf stärkerer Grundlage als vorher führten.

Kunlaborante kiel eble plej racie kun la Internacia Centra Komitato de la Esp.-movado kaj kun la Universala Esp.-Asocio (U. E. A.) ni ekorganizis laŭforte la uzadon de la internacia lingvo en la praktika vivkampo.

In möglichst enger Zusammenarbeit mit dem zwischenvölkischen Hauptausschuß der Esp.-Bewegung und dem Esp.-Weltbund begannen wir nach Kräften den Gebrauch der zwischenvölkischen Sprache im praktischen Leben einzurichten.

El de la sendiloj Bruxelles kaj Anvers estas sendataj du Esp.-kursoj en franca kaj flandra lingvoj.

Von den Sendern Brüssel und Antwerpen werden 2 Esp.-Kurse in französischer und flandrischer Sprache gegeben.

Nun la belgaj esp.-istoj atendas la grandan honoron kaj enviindan plezuron gastigi en Antverpeno la „20 an Univers. Kongreson de Esp., 1928“. Ili jam nun preparas ĉion eblan, por ke tiu kongreso estu ankoraŭ pli brila ol la antaŭa, kiu en Antverpeno okazis, en 1911.

Jetzt erwartet die belg. Esperant.-schaft die große Ehre und das beneidenswerte Vergnügen in Antwerpen den 20. Esp.-Weltkongreß 1928 zu beherbergen. Wir bereiten schon jetzt alles mögliche vor, auf daß der Kongreß noch glänzender werde als der frühere, der in Antwerpen 1911 stattfand.

**Sam Jansson-Stockholm**, direktoro de liceo Beskow, prezid. de Sveda Esperanto-Instituto.

La sveda Esp.-movado? Jes, ĝi progresas ondade. Ĝuste nun Esp. ĉie antaŭenmarŝas. Multaj aliĝas kaj helpas ankaŭ per mona, morala kaj alia subtenoj. El ĉiuj profesioj ili venas tiuj novaj helpantoj, la plimulto el la instruistaro kaj laboristaro. En multaj fakaj kunvenoj oni decidis subvencii la poresperantan propagandon kaj la plubliko pli kaj pli favore rigardas la lingvon.

Inter la ekzamenitoj estas ankaŭ Princo Karlo de Svedujo. Tiu aro de bonaj esperantistoj tre fortigis nian movadon. Do ni povas esperi baldaŭan venkon per helpo de Radio, de aviado kaj de aliaj novaj fenomenoj, kiuj nepre bezonos Esperanton.

Die schwedische Esp.-Bewegung? Ja, sie schreitet wellenförmig weiter. Gerade jetzt ist Esp. überall auf dem Wege. Viele schließen sich an und helfen auch durch Geld, moralische und andere Unterstützungen. Aus allen Berufen strömen diese neuen Helfer herbei, die Mehrzahl aus der Lehrer- und Arbeiterschaft. In vielen Fachsitzungen wurde beschlossen, die Werbearbeit für Esp. mit Geld zu unterstützen und die Öffentlichkeit betrachtet die Sprache immer günstiger.

Unter den Geprüften ist auch Prinz Karl von Schweden. Diese Schar guter Esperantisten hat die Bewegung sehr gestärkt. Wir können also auf einen baldigen Sieg hoffen mit Hilfe des Radio, der Luftschiffahrt und anderer Neuerscheinungen, die Esperanto unbedingt brauchen werden.

**Paul Balkányi-Budapest**, ĉefdelegito de U. E. A. por Hungario.

La Foiro de Budapest prove eldonis siajn prospektojn kaj afiŝojn ankaŭ en Esp. La sukceso estis laŭ ĝia propra deklaro tiel neatendite bona, ke la Foiro intencas pli amplekse daŭrigi la propagandon per Esp.

La Fremduloficejo de la Urbo Budapest eldonis riĉe ilustritajn gvidfoliojn en Esp.

La hoteloj Kaiserbad kaj Continental uzas Esp. en siaj presajoj, destinataj por la publiko.

En kelkaj ŝtatfervojaj vagonoj sub propagandaj fotografajoj pri Budapest estas ankaŭ Esp.-teksto.

La facilecon de Esp. pruvas, ke pli ol 1000 laboristoj lernis ĝin en la lastaj jaroj.

Okazis kelkaj grandaj literaturaj vesperoj kun ĝis 600 partoprenantoj.

La Centra Studenta Komitato akceptis oficiale Esp. kaj volas ĝin uzi por eksterlandaj studentaj interŝanĝoj, vojaĝoj ktp.

Die Messe in Budapest hat probeweise ihre Werbeschriften und Anschläge auch in Esp. herausgegeben. Der Erfolg war ihrer eigenen Erklärung nach so unerwartet gut, daß die Messe beabsichtigt, die Werbearbeit durch Esp. in größerem Umfange fortzusetzen.

Das Fremdenverkehrsamt der Stadt Budapest hat reichbebilderte Führerblätter in Esp. herausgegeben.

Die Gaststätten Kaiserbad und Continental benützen Esp. in ihren für die Öffentlichkeit bestimmten Drucksorten.

In einigen Wagen der Staatsbahnen befindet sich unter Werbebildern für Budapest auch eine Esp.-Beschreibung.

Es beweist die leichte Erlernbarkeit des Esp., daß über 1000 Arbeiter es in den letzten Jahren gelernt haben.

Es fanden einige große literarische Abende mit bis zu 600 Teilnehmern statt.

Der Haupt-Studenten-Ausschuß hat Esp. offiziell angenommen und will es für Studentenaustausch, Reisen nach dem Auslande usw. benützen.

**Dr. Antoni Czubrynski-Warszawa (Polujo)**, membro de L. K.

La Esp.-movado en Polujo komenciĝis plej grandparte post Bulonja kongreso 1905. La unuaj grupoj estis fondataj en Lwów, Warszawa, Kraków. Nuntempe ekzistas en tuta Polujo sufiĉe gravaj grupoj kaj ili konsistigas Polan Esp.-Asocion. Krom tiuj estas ankoraŭ fakaj, ekz. laborista, tramvojista, policana ktp.

Die Esp.-Bewegung in Polen begann größtenteils nach dem Kongresse von Boulogne 1905. Die ersten Gruppen wurden gegründet in Lemberg, Warschau, Krakau. Jetzt gibt es in ganz Polen ziemlich bedeutende Gruppen und sie bilden die Polnische Esp.-Gesellschaft. Außerdem gibt es noch fachliche, z. B. der Arbeiter, Straßenbahner, Polizei usw. Es fanden schon 6 Landestagungen in Polen

Okazis jam 6 naciaj kongresoj en Polujo kaj unu (la 8.) intern. en Kraków 1912. Gravaj polaj verkoj estas tradukitaj esperantlingven, kiel ekz. „Sinjoro Tadeo“ de Mickiewicz, kelkaj verkoj de Stanislaw Wypianski, Nobel-premiulo Wladislaw Reymont kaj aliaj.

Inter polaj urboj Warszawa estas por ĉiu esp.-isto tre grava pro memorigaĵoj al Zamenhof. Tie estis lia unua agadkampo, tie li mortis kaj sur lia tombo la tutmonda esp.-istaro starigis monumenton.

statt und 1 (VIII.) internationale in Krakau 1912. Bedeutende poln. Werke sind in Esp. übersetzt worden, wie z. B. „Herr Thadeus“ von Mickiewicz, einige Werke von Stanislaw Wypianski, von dem Nobelpreisträger Wladislaw Reymont und anderen.

Unter den poln. Städten ist Warschau für jeden Esperantisten von großer Bedeutung wegen der Erinnerungen an Zamenhof. Dort war sein erstes Wirkensgebiet, dort starb er und auf seinem Grabe hat die Esperantistenschaft der ganzen Welt ein Grabmal errichtet.

**Tiberio Morariu-Cluj (Rumanio)**, gvidanto de Rumana Esp.-Instituto.

Tagon post tago Esp. faras pli kaj pli grandan progeson en la lando rumana. Al nia afero multe helpis, ke lastatempe s-ro Trancu-Jaŝi, la estinta aktiva prezidanto de Rumana Esp.-Societo, fariĝis ministro de la rumana laborministrejo.

La klopodojn de la rumana esp.-aro efike apogas s-ro generalo Gavanescul.

La 6an de aprilo 1927 s-ro Kiritescu, ĝen.-direktoro de la duagrada instruado, eldonis tre favoran reskripton pri fakultativa instruado de Esp. en mezlernejoj, varme rekomendante al la direktoroj arangon de Esp.-kursoj.

La 7a kongreso de la rumanaj esp.-istoj okazos en la pitoreske situa urbeto surkarpata Braŝov, en aŭgusto nunjara, post la Danzig-a mondkongreso, sub la prezido de ministro Trancu-Jaŝi.

Tag für Tag macht Esp. in rumänischen Landen immer größere Fortschritte. Unserer Sache kam sehr zuhilfe, daß in letzter Zeit Herr Trancu-Jaŝi, der gewesene wirkliche Vorsitzende der rumän. Esp.-Gesellschaft, Minister des Arbeitsministeriums wurde.

Die Bestrebungen der rum. Esperantistenschaft stützt wirksam General Gavanescul.

Am 6. April 1927 gab der Generaldirektor für Mittelschulunterricht, Herr Kiritescu, einen sehr günstigen Erlaß betreffend den wahlfreien Unterricht des Esp. an Mittelschulen heraus, in welchem er den Direktoren die Einrichtung von Esp.-Kursen warm empfiehlt.

Die 7. Tagung der rum. Esp. wird in dem malerisch gelegenen Karpathenstädtchen Kronstadt im kommenden August nach dem Danziger Weltkongreß unter dem Vorsitze des Ministers Trancu-Jaŝi stattfinden.

**Inĝeniero J. R. G. Isbrücker-Haag**, Nederlando, membro de L. K.

En Nederlando la lernantoj de mezaj lernejoj ĉiuj regule studas francan, germanan kaj anglan lingvojn kaj konsekvence la instruitaj nederlandanoj almenaŭ legas tiujn lingvojn kaj povas sin helpi per ili. Tiu cirkonstanco, kun la fakto, ke estas nur unu enlanda lingvo, eble estas kaŭzo, ke ĉe multaj la bezono je internacia lingvo ne estas tiel urĝe sentata. Tamen nuntempe oni preskaŭ ĉie rigardas la lingvon de Zamenhof kiel seriozan aferon, kiu meritas atenton. Ministroj kaj aliaj oficialaj personoj komprenas la seriozecon kaj gravecon de la afero. Ĉi tiu fakto ilustras la devizon de la nederlanda propaganda societo: „La estonto estas nia“.

In Holland studieren die Schüler aller Mittelschulen regelmäßig die französische, deutsche und englische Sprache und infolgedessen lesen wenigstens die gebildeten Niederländer diese Sprachen und können sich mit ihnen helfen. Dieser Umstand zusammen mit der Tatsache, daß es nur eine Inlandssprache gibt, bildet vielleicht auch den Grund, daß bei vielen das Bedürfnis nach einer zwischenvölkischen Sprache nicht so dringend gefühlt wird. Trotzdem betrachtet man jetzt fast überall die Sprache Zamenhofs als eine ernste Angelegenheit, die Aufmerksamkeit verdient. Minister und andere Personen des öffentlichen Lebens verstehen den Ernst und die Bedeutung der Sache. Diese Tatsache beleuchtet den Wahlspruch unserer niederländischen Werbegesellschaft: „Die Zukunft ist unser.“

## Kiel statas Esperanto en Aŭstrio?

## Wie steht Esperanto in Österreich?

**Walter Smital-Wien**, direktoro de „Aŭstria Esp.-Instituto", aŭstria sekretario de „Internacia Radio-Asocio"-Paris, Esperanto-preleganto ĉe „Radio Wien".

La tero aŭstria estas por E. historia: La loko, en kiu Zamenhof akiris sian okulistan specialscion, estis la universitato Wien. La tiaman loĝdomon (nun Hotelo Hamerand, VIII., Florianigasse 8) ornamas depost 1924 ĉikoncerna memortabulo el griza marmoro.

La unua societo (Unua Vien-a E.-Unuiĝo) estis fondata 1902. La „movado" komencis pksm. 8 jarojn poste. Nun ties organizo bazas sur UEA. (deleg. en 37 lokoj), AED. (fondita 1923) kaj Aŭstr. Laborista Ligo Esp. (ALLE., fond. 1922). Ties organoj estas: Aŭstria Esperantisto" por AED., Korneuburg; „La Socialisto" por ALLE, Wien.

Jus pasis 10 jaroj, kiam en la Teknika Altlernejo-Wien estis instalata lektoro por Esp. (dir. Josef Schamanek-Tullnerbach).

Nun okazas la sepa landa kongreso. En 1924 Wien gastigis la XVI. internacian sub la protekto de la respublika prezidanto d-ro Mich. Hainisch. Prezentita estis la klasika sorĉfabelo „Malŝparulo" de Raimund, traduk. el germ. de kolonelo Zwach; aktoroj el „Burgtheater" — Wawra, Ph. Zeska.

Post la mondmilito la movado nur malrapide reviglilĝis; sed nuntempe la plej gravaj faktoroj entute eblaj ĝin progresigas jam aŭtomate. La ĉefsendilo Wien-Rosenhügel kun siaj 4 dependaj disaŭdigas depost 2 jaroj E.-kursojn (komence Hofrat Inĝ. Hartwich †, nun Smital). Antaŭ 2 semajnoj nova decido: Pro la efiko de l' antaŭaj estos aranĝata rapidkurso por komencantoj (julio—septembro) kaj daŭrigata seninterrompe la E.-informservo pri Aŭstrio, en kiu partoprenas la ministerio por eksteraj aferoj kaj fremdulfrekventaj korporacioj. La publikaj estraroj konstante favoras: Ministerio por instruaferoj instalis — per reskripto n-ro 2163 de l' 20. IV. 25 — ŝtatan ekzamenkomisionon (dir.: Hofrat Dr. Wollmann).

Der österreichische Boden ist für E. geschichtlicher Boden: Die Stätte, an der Dr. Zamenhof sein augenärztliches Spezialwissen erwarb, war die Universität Wien. Sein damaliges Wohnhaus (jetzt Hotel Hamerand, VIII., Florianigasse 8) ziert seit 1924 eine diesbezügliche Erinnerungstafel aus grauem Marmor.

Die erste Gesellschaft („Erster Wiener E.-Verein") wurde 1902 gegründet. Die „Bewegung" begann etwa 8 Jahre später. Jetzt fußt deren Organisation auf dem E.-Weltbund (Beauftragte in 37 österr. Orten), der „Öster. E.-Vertreterschaft" (gegr. 1923) und dem „Österr. Arbeiter-E.-Bund" (gegr. 1922). Deren Zeitschriften sind: „Österreichischer Esperantist," für „Ö. E. V.", Korneuburg; „Der Sozialist," für „Ö. A. E. B.", Wien.

Eben sind 10 Jahre verflossen, seit an der Technischen Hochschule in Wien ein Lektor für E. (Dir. Josef Schamanek-Tullnerbach) eingesetzt wurde.

Jetzt findet die siebente Landestagung für E. statt. Im Jahre 1924 beherbergte Wien die XVI. Welttagung unter dem Ehrenschutz des Bundespräsidenten Dr. Michael Hainisch. (Zur Aufführung gelangte das klassische Zaubermärchen „Der Verschwender" von Raimund, aus dem Deutschen übertragen von Oberst Franz Zwach; Burgtheaterschauspieler Wawra, Ph. Zeska.)

Nach dem Weltkrieg hatte sich die Bewegung nur langsam wieder belebt; jetzt aber stoßen sie die bedeutendsten Faktoren, die überhaupt in Betracht kommen, schon automatisch vorwärts. — Der Großsender Wien-Rosenhügel mit seinen vier Zwischensendern verbreitet seit 2 Jahren E.-Kurse (anfangs Hofrat Ing. Hartwich †, jetzt Smital). Vor zwei Wochen erfolgte ein neuer Beschluß: Infolge der Wirkung der vorhergehenden wird ein Schnellkurs für Anfänger (Juli-September) veranstaltet und der E.-Nachrichtendienst über Österreich ununterbrochen fortgesetzt, an dem das Ministerium für Äußeres und Fremdenverkehrs Vereinigungen mitwirken. — Die Behörden verhalten sich dem E. gegenüber dauernd günstig: Das Bundesministerium für Unterricht hat — mit Erlaß Nr. 2163 v. 30. April 1925 — eine staatliche Prüfungskommission eingesetzt (Dir. Hofrat Dr. Wollmann). Der Wiener Stadtsenat bezahlt den E.-Unterricht in neun Bürgerschulen. Außerdem E.-Unterricht an 2 Mittelschulen

La urba senato de Wien pagas la instruadon en 9 burĝlernejoj. Krome E.-instruo en du mezlernejoj, en akademioj kaj lernejoj komercaj de Wien kaj en diversespecaj lernejoj en Graz, St. Pölten, Krems, Korneuburg k. a. Moderna lernlibro (preparata de prof. d-ro Casari kaj instr. Scheibenreiter) en aŭtuno estos disponebla. — Polico: Depost 1926 troviĝas inter la lingvokapablaj informpostenoj sur frekventataj stratoj ankaŭ 2 per E. servantaj. Insigno: metalŝildeto sur la brusto kun surskribo „Esperanto". Plej nova decido: Al ĉiu E.-on scipovanta policisto estas permesate porti dum deĵoro la stelon. — Nia polica-prez. Joh. Schober, estas prez. de la Intern. Pol. Ligo E.-ista.

La ĝeneraldirektoro de la fervojoj, d-ro Maschat, faris enketon pri E.-scio resp. -lernemo inter siaj oficistoj ĉiugradaj kaj rekomendis al ili kurspartoprenon. Li ankaŭ eldonis reskripton, en kiu tekstas:

„La reskr. de l' ministerio por komerco kaj trafiko d. d. 5. julio 1923, n-ro 862 B. M. V., koncerne la malpermeson pri portado de nedeĵoraj insignoj dum la deĵoro ne estas aplikota je la oficiala E.-insigno; la portado de tiu ĉi insigno estas do permesata ankaŭ dum la deĵoro".

Tio modelis por alilandaro kaj estis laŭde menciata en la internacia gazetaro. Ankaŭ la aŭstria fervojadministraro estis la proponinto de akceptita regularaldono pri E. en la dir. konf. Bruxelles, aprilo 1927: Esp. estas de nun uzebla por la surskriboj en la vagonoj translimaj. (Teksto en la venonta n-ro de „A. E.".)

En la 5 ĉefaj stacidomoj de Wien kaj de kelkaj aliaj urboj bonvensalutas alilingvan alveninton grandaj informtabuloj pri la enurbaj deleg. kaj E.-societoj. Tion ebligis al ni Österreichische Verkekrs - Werbungs - Gesellschaft — Agemaj E.-soc. eldonis subtenata de fremdulfrekventaj korporacioj gvidlibretojn. — Prosperis ankaŭ interesigi la ĝen.-dir. por poŝt- kaj telaferoj s-ron sekc. ĉefon Konrad Hoheisel, la prezid. de la poŝtdirekcio Wien,

in Handels-Akademien und -Schulen Wiens und an verschiedenen Schulen in Graz, St. Pölten, Krems, Korneuburg u. a. Ein modernes Lehrbuch (vorbereitet von Prof. Dr. Casari und Lehrer Scheibenreiter) wird im Herbste zur Verfügung stehen. — Polizei: Seit 1926 befinden sich unter den sprachkundigen Auskunftsposten auf Straßen mit starkem Verkehr auch 2 für Esperantodienste. Abzeichen: Metallschildchen auf der Brust mit Aufschrift „Esperanto". Neuester Beschluß: Jedem E.-kundigen Polizisten ist erlaubt, im Dienste den Stern zu tragen. Unser Polizeipräsident Johann Schober ist Vorsitzender des E.-Polizei-Welt-Bundes.



Der Generaldirektor der Bundesbahnen, Dr. Maschat, hat eine Rundfrage über die E.-Kenntnis bezw. Lernlust unter seinen Angestellten aller Dienstgrade veranstaltet und ihnen Teilnahme an Kursen empfohlen. Er gab auch einen Erlaß heraus, in dem es heißt:

„Der Erl. des B.-Min. f. H. V. vom 5. Juli 1923, Z. 862 B. M. V., über das Verbot des Tragens von nichtdienstlichen Abzeichen im Dienste findet auf das offizielle Esperantoabzeichen keine Anwendung; das Tragen dieses Abzeichens ist also auch im Dienste gestattet."

Dies diente anderen Ländern als Vorbild und wurde in der intern. Presse lobend erwähnt. Ebenfalls die österreichische Eisenbahnverwaltung war es, die auf der Direktorenkonferenz in Brüssel, April 1927, einen E. betreffenden Ergänzungsantrag zu den Betriebsvorschriften stellte, der auch angenommen wurde: Von nun ab darf Esperanto für Aufschriften in Durchgangswagen verwendet werden (Wortlaut in der nächsten Nummer von „A. E.".)



Auf den fünf Hauptbahnhöfen Wiens und denen in einigen anderen Städten heißen große Auskunftstafeln über die E.-Geschäftsstellen und -Gesellschaften der Stadt den anderssprachigen Ankömmling willkommen. Dies ermöglichte uns die Österr. Verkehrswerbungs-Gesellschaft. — Rührige E.-Gesellschaften gaben mit Unterstützung von Fremdenverkehrsvereinigungen „Führer" heraus. — Es gelang auch, den Generaldirektor für Post- und Telegraphenwesen, Sektionschef Konrad Hoheisel, den Vorsitzenden der Postdirektion Wien, H. Ustrnul, und des Telegraphenamtes, H. Habermann, zu

s-ron Ustrnul, kaj de la telegrafa, s-ron Habermann. Sekvo: La unua kurso en tiu medio. — Intern. Specimena Foiro Wien uzas E.-on kaj eldonis belajn prospektojn kaj plakatojn. — Grandaj komercaj entreprenoj korespondas ankaŭ en Esperanto.

La impreso eksteren de la XVI-a ŝanĝis la sintenon de la gazetaro. ĝis tiam singarde skeptika. Nun eĉ antaŭe kontraŭulaj gazetoj ekkonis jam la valoron de E. Kelkaj gazetoj raportas tre ofte pri E. — La eldonejo de „N. W. Tagblatt“ envicigis en sian „bibliotekon“ serion da malmultekostaj libretoj de d-ro E. Pfeffer. Krome 3 aliaj eldonejoj eldonas E.-aĵojn.

Resume oni povas konstati, ke per intensa kaj samtempe singarda laborado de kelkaj pioniroj E. jam enradikiĝis en la publiko aŭstria. La ĉefan meriton havas en la lastaj 3 jaroj nia senlaca Steiner. Li estu dankata pro tio kaj — ne forstreku „redaktorante“ ĉi tiujn du lastajn frazojn!

interessieren. Folge: der erste Kurs in diesem Bereich. — Die Wiener Internationale Mustermesse verwendet E. und hat schöne Verzeichnisse und Anschläge herausgebracht. Große Handelsunternehmungen führen Briefwechsel auch in E. — Der Eindruck der XVI. Welttagung nach außen änderte die bis dahin vorsichtig unentschiedene Haltung der Presse. Jetzt haben selbst früher gegnerische Zeitungen schon den Wert des E. erkannt. Einige Blätter berichten über E. sehr häufig. Der Verlag „Neues Wiener Tagblatt“ hat seiner „Bibliothek“ eine Reihe billiger Büchlein von Dr. E. Pfeffer eingegliedert. Außerdem geben drei andere Verlagsanstalten E.-Sachen heraus.

Zusammenfassend kann man feststellen, daß zufolge kräftiger und gleichzeitig vorsichtiger Arbeit einiger Vorkämpfer das E. in der österreichischen Öffentlichkeit schon Wurzel gefaßt hat. Das Hauptverdienst der letzten drei Jahre gebührt unserem unermüdlichen Steiner. Er sei bedankt dafür und — möge in seiner Eigenschaft als Schriftleiter nicht diese beiden letzten Sätze wegstreichen!

---

## Die Staatsprüfungen aus Esperanto.

Landesschulinspektor Hofrat Dr. Franz Wollmann, Direktor der staatlichen Prüfungskommission für Esperanto.

Denselben unterzogen sich im Frühjahrstermin 1927 (20.—23. April) 18 Prüflinge. Davon legten 15 die Lehrbefähigungs-, 3 die Kenntnisprüfung ab; 6 erhielten eine Befähigung mit Auszeichnung. 16 Prüflinge waren aus Wien, einer aus Steiermark, einer aus Kärnten; dem Berufe nach: 1 Hofrat, 1 Mittelschulprofessor, 2 Bürgerschuldirektoren, 5 Bürgerschullehrer, 1 Bürgerschullehrerin, 5 Volksschullehrer, 3 Beamte.

Die Themen der schriftlichen Prüfungen waren folgende: a) Für die Befähigungsprüfung: Übersetzung: Aus der Fundam. Krestomatio VI, p. 257/58: El la historio de la provoj de lingvoj tutmondaj de Leibnitz ĝis la nuna tempo von „Oni vidas ordinare . . . bis . . . kun fantomo pazigrafia.“ Der Text wurde diktiert. — Freier Aufsatz in Esperanto: Zur Wahl: La danĝeraj tempoj por Esperanto. — Logika kaj morala valoroj de Esperanto. — Ĝojo kaj malĝojo en la vivo de instruisto. — Allgemeine Pädagogik und Sprachmethodik: 1. Ein Vergleich zwischen der Einzelerziehung und der Gemeinschaftserziehung. 2. Wie werde ich die Grundsätze der Arbeitsschule im Esperantounterrichte verwirklichen?

b) Für die Kenntnisprüfung: Übersetzung: Aus Paul Bennemann „Tra la mondo“, I-a parto, p. 25: La fino de la mondo. — Freier Aufsatz. Zur Wahl: Esperanto en la servo de la polico — de la poŝto. Printempaj ĝojoj.

*

(Vgl. über die Aufgaben bei den früheren Prüfungen „Aŭstria Esperantisto“, Decembro 1926, p. 136; Aprilo 1926, p. 37; Novembro 1925, p. 110.) Zur Vorbereitung auf die Prüfungen wird auf die Broschüre: Dr. Wollmann, „Die Lehrbefähigungsprüfungen aus Englisch, Französisch, Italienisch und Esperanto“ (Österr. Bundesverlag, Wien, I., Schwarzenbergstraße 5, Preis S 1·50, zu bestellen durch jede Buchhandlung), verwiesen.

Die Schriftleitung.

## Eksterlandaj Esperantistoj venu al Wien, vizitu nian belan Aŭstrion!

Tion ebligas al vi nova entrepreno „Aŭstria Esperanto-vojaĝa komitato“ (Esper-voko), kiu estas en kontakto kun la aŭstria esp.-istaro kaj „Wikug“ (Ekonomia-kultura societo por firmigo de internaciaj rilatoj). Eluzu niajn monatajn karavanojn de 25—30 pers. kun esp.-ista gvidanto en la daŭro de 13 tagoj je la prezo de aŭ. Ŝ. 375·—. La unua komencas la 1. VI. matene en Salzburg kaj kondukos tra Salzkammergut (per grandaj automobiloj), Linz, Wachau (ŝipo), Wien, Graz, Wörthersee, Villach, Tauernfervojo, Bad Gastein, Zell am See, Kapruner Kesselfall (akvofalo ĉe Kaprun), Achensee, Innsbruck, Bregenz. Oni povas komenci en Salzburg kaj Wien kaj finos en la komencurbo. En ĉiuj urboj la vojaĝ-partoprenantoj estu solene akceptataj de la esperantistoj kaj oficiale salutataj de la urbestraroj.

Ĝi ebligas al vi la partoprenon al la VII. Aŭstria E.-kongreso kaj la aranĝoj de „Wien-aj Festsemajnoj“. Samaj vojaĝoj sekvos la 10. VII., 7. VIII., 4. IX. 1927. — Ĉar la gvidantoj ĉion klarigos ankaŭ germanlingve, partopreno de ne-esperantistoj estas ebla.

Detalojn bonvolu legi en „Heroldo de Esperanto“ aŭ postuli de: „Aŭstria Esperanto-vojaĝa komitato“ ĉe „Wikug“, Wien, I., Hofburg, Batthyanyi-Stiege, II. Stock.

Por la komitato:
R. M. Frey, E. G. Bernfeld. del. de UEA.

## Ekspozo „Hejmindustrio kaj laborarto en Aŭstrio“.

„Asocio por fremdulfrekvento kaj ekonomio Ybbstal“ solene malfermis la 5. majo belegan ekspozon. Ĝi okazas en la ekspozejoj subteraj de l' fame konata magazeno Herzmansky-Wien kaj montras produktaĵojn de plej granda manlerteco samtempe de alta laborarto el Aŭstrio.

Protektoro landestro d-ro Buresch menciis en sia parolado la malfacilaĵojn de la realigo de la ekspozo, kiu nur estis ebligata per la komunemo de l' Asocio Ybbstal. helpo kaj subteno de la magazeno Herzmansky kaj ties ĉefo kom.-kons. Falnbigl, sed precipe per la pripensemo kaj senlaca aktiveco de l' aranĝinto ministra konsil. d-ro Ed. Stepan. D-ro Buresch finis per la vortoj: „Protektu la laboron en via hejmlando kaj evitu la manion al eksterlando!“

Kaj vi, karaj legantoj, vizitu la ekspozon (senpaga eniro), ĝi estas en la sama domo, kie ankaŭ ni (en la dua etaĝo) la 27. majo per la ega helpemo de kom.-kons. Falnbigl malfermos nian.

## Wien kaj la Wien-anoj.

Wien-a foiro A. S. disponiĝis la tutan foirpalacon (VII. distr.) al la unua kaj verŝajne plej efika programero de Wien-aj festsemajnoj la ekspozo „Wien kaj la Wien-anoj“ kaj ankaŭ aranĝis ĝin. Ke la foirdirektantaro bonege solvis la aferon, tion montras la ekspozo mem. Priskribi ĝin ne permesas la spaco en la gazeto. Plej bono — iru tien kaj vidu mem! Ĉiu tie trovos multajn interesajn ekspozaĵojn.

Tre rekomendinda estas la vizito de la ekspozo „Semajnfino“, en kiu la landregistaro de Malsupra Aŭstrio (Fremdulfrekventa oficejo) per belaj ekspozaĵoj prezentas en delikatgusta maniero la pejzaĝbildon de Malsupra Aŭstrio. Ĉirkaŭ la multaj de artistoj faritaj dioramoj kaj reliefoj, la ŝnuregfervojo sur la Raxmonton, la bordbanejoj de Baden kaj Vöslau interpremiĝas la vizitantaro. En informejo oni povas informi sin pri vojaĝoj, turismo, sportekipo k. s., kaj ankaŭ aĉeti ĉikoncernajn librojn kaj geografiajn kartojn.

Neniu, kiu vizitos nian kongreson kaj ekspozon, forgesu „Wien kaj la Wien-anojn“! St.

## Nia Schamanek jubileas.

La 17. de aprilo 1917, tri tagojn post la morto de nia majstro, nia maljuna fervorulo estiĝis lektoro por Esp. en la Teknika Alternejo Wien.

Okaze de lia dekjara jubileo gratulon al li!

## AŬSTRIA ESPERANTO-DELEGITARO

Wien, IV., Schäffergasse 3.

Al ĉiuj societoj, kluboj kaj grupoj!

Por la laborkonferenco de AED. dum pentekosto en Wien mi proponas jenajn temojn:

I. Pri organizaj aferoj.

II. Pri enkonduko de E. en la diversajn lernejojn en Aŭstrio.

III. Kiel ni povas progresigi la aplikon de Esperanto por la internacia monda interkompreniĝo.

IV. Pri komuna somera hejmo por Esp.-istoj.

V. Paroladoj pri Esperanto kaj kursoj en someraj restadejoj.

VI. Pri fondo de Esp.-ista hejmo. (Prop. Mair.)

Bonvolu priparoli tiujn ĉi temojn en viaj kluboj.

Aliajn deziritajn proponojn bonvolu tuj sendi al AED., Wien, IV., Schäffergasse 3, por definitive fiksi la tagordon de la laborkonferenco. Feder, ĝen.-sek.

## En la 63a kunsido de E. D. W.

la 7. majo 1927

oni aŭdis la raportojn pri la paskaj konferencoj en Praha kaj akceptis projekton pri Esp.-fremduloficejo de s-roj Frey kaj Bernfeld, definitive decidotan en la AED-konferenco je Pentekosto. La 64a **kunsido de E. D. W.** okazos pro la Esp.-Kongreso jam la **28an de majo.** E. Werner, prov. afergvidanto.

### Rimarkoj al la kongreso.

Post la malferma kunsido: Fotografado sur „Heldenplatz“.

Komuna manĝado: Ŝ 1.60 por supo, bakita porkaĵo kun verda salato kaj ĉijaraj terpomoj, kremtranĉaĵo. Anoncu vin antaŭ la 3. VI.!

Veturo al Grinzing kaj reen: 48 g.

Biletoj al Baden por unu veturo: Ŝ 1.40.

---

La abonantoj ekster Wien ricevas aldone „Varbleteron“, per kiu ili invitu siajn geamikojn alilandajn al vizito de la festsemajnoj (5.—19. VI.).

**Wien: „E.-Org. de Ofic-havantoj de urbo Wien"** La 9 aprilo estis ĝen. kunv. Nova estraro: dir. Feder-prez., Bernfeld-sekr., instr. Kassal-kas. Vizitadoj: „Wien kaj la Wienanoj", 28. V., 15 h antaŭ la Foirpalaco; „Wiener Molkerei", II. Molkereistraße la 11. junio, 21 h. Anoncu vin en la sekretariejo. Ekskursoj: 21. V. Hermannskogel; — **„E.-grupo de Naturamikoj"**: Vizitadoj: 22. V. Radio-stacio Deutsch-Altenburg; 23. V. Wiener Molkerei.





Posedanto, administranto, eldonanto kaj respondeca redaktoro Hugo Steiner, Bisamberg 248.
Presejo: Gesellschafts-Buchdruckerei Brüder Hollinek, Wien III. Steingasse 25.